

**AŬSTRIO**

Mi interŝanĝas ilustritajn pk kaj pm kun ĉ. l. Afranku filatele. Skribu amase, mi ĉiam respondos. Gabriel Katzianka, Wien, IX., Rossauer Lände 27.

**BULGARIO**

Andrej Najdenov, selo Glavaci, Vraĉansko, pri politiko kaj literaturo.

Angel Kuzmanov, selo Glavaci, vraĉansko, pri politiko kaj muziko.

Ivan Dimov, instruisto, selo Glavaci, Vraĉansko, per leteroj kaj bildkartoj.

Georgi Ganev, 22-jara, selo Ognen, Karnobatsko.

Torkom Aslanjan, teknikisto, str. Sv. Kl. Ohridski № 5, Burgas.

24 gejunuloj-kursanoj ŝatus korespondi kun la tuta mondo pri politiko, muziko, ekonomio, ktp. Adreso: Dosju Vasilev Dosev, str. Djado Djanko № 46, Gabrovo.

Todor K. Toĉev, instruisto, Nevrokop, str. C. Boris 15 dez. kor. kun vegetaranoj.

F-ino Liljana Lazarova Stefanova, str. Patr. Eftimij № 81, Sofia, dez. kor. kĉl.

Conko Nedelkov Conkov, radiotelegrafisto, Poŝtenska Palata, Sofia, dez. kor. pĉt.

Dimitr Pehlivanov, str. Ljule-Burgas 1, Sliven, dez. kor. kaj interŝ. p. m.

Velko Ponĉev Ivanov, selo M. Trinovo, Ĉirpansko, kun Francio kaj USSR.

Veliko Antonov Kuzmanov, ĉinovnik skladove Zaharna fabrika Sofia, dez. kor. kun ĉ. l.

Zahari B. Dinev, selo Moŝino, Perniŝko, deziras korespondi kun aliilandanoj.

KOREKTO. La ĝusta adreso de s-no At. Georgiev, publikigita en n-ro 6—7, estas: Atanas Georgiev, str. Trgovska 47, Kjustendil.

**ĈEĤOSLOVAKIO**

Korespondadi kun la tuta mondo deziras:

F-ino Miroslava Víchová, oficistino, Rolnické druzstvo, Novy Bydzov.

F-ino Vlasta Drahokoupilová, Rolnické druzstvo, Novy Bydzov.

S-ro Vladimír Maly, oficisto, Rolnické druzstvo, Novy Bydzov. Resp. garantiata.

**DANLANDO**

S-ro E. Heergaard, Ernst Bojesensvej 12, Holte, deziras korespondi kaj interŝanĝi poŝtmarkojn kun samideanoj el Rumanio, Bulgario, Grekio kaj Turkio. Respondas al ĉiuj. Afranku filateliste.

S-ano Egon Madsen, Pjedsted, deziras interŝanĝi p. m. kun ĉiuj landoj.

**EGIPTIO**

16-jaraĝa studento de medicino, Hessein A. Amin, Sh. Massarra, str. Boisoom Gerges 2, Shubra, Le Caire.

Mi deziras koresbondi uun fraŭlinoj (30-jaraj) esperante kaj angle. Certe respondos. A. V. Simon, ĉe Esperanto-societo, P. B. 450, Kairo.

**FRANCIO**

Pierre (20-jara laboristo) kaj Michel (17-jara laboristo) ambaŭ komunistoj, deziras korespondi kun bulg. gekamaradoj. Skribu al: Michel Bedu, 62, rue de la Vrille Prolongée, Châteauraux (Indre). Respondo garantiata.

Mi deziras kor. pri ĉ. t., kun gesamideanoj el ĉiuj landoj, precipe instruistoj aŭ profesoroj. Mi interŝ. pm. aŭ pk. Nepre respondas. S-ino Bonnafous, profesorino, Bd des Boëttes, Carpentras, Vaucluse.

Alexandre Michel, 70 Rue Champfleuri, Clermont-Ferrand, filatelisto, deziras kor. kun ĉiuj landoj — precipe balkanlandaj orient-aziaj kaj sud-amerikaj.

**GERMANIO**

Franz Kraemer, Brotterode i. Thü, Buhuhofstr. 7, apud Schmalkalden.

Fridel Bues (20), Hannover-Ricklingen Friedr. — Ebert-str. 9.

**HUNGARIO**

Horváth Péter, Budapest, VII, Damjanich-u. 26-a, ŝatus korespondi, precipe pri popolkantoj, -dancoj, -muziko.

**JUGOSLAVIO**

K-do Vinko Skomina, drogisto, Kumuĉiĉeva 28, Suŝak, deziras korespondi kun ĉiuj landoj.

Zorica Serŝiĉ, okrujni sud, Suŝak

**NEDERLANDO**

Esp. grupo deziras korespondi kun tuta mondo, respondo garantiata. Skribu al: C. Nieuwland, Duinstraat 3, Bockanie.

**RUMANIO**

S-ano David Ĝeorĝo, str. Vasile Gherghel № 101, Bukureŝti, deziras korespondi kun eksterlandanoj por perfektiĝo.

**SVEDIO**

Carl Lantz, Simrishaninsgatan 17-a, Malmö.

**USSR**

E. A. Bokarevu, Universitetskaja nab. 5, Institut Jazyka Myŝlenija Akademii Nauk, Leningrad — deziras nur seriozan korespondadon pri teorio de Internacia lingvo.



# Kroniko

***En la venonta*** numero de „Internacia Kulturo", kiu estos duobla, ni publikigos la faman poemon *„Leningrado dum la printempa florado"* de Johannes Barbarus, tradukitan de Hilda Dresen el la estona originalo speciale por nia revuo.

En la sama numero aperos interesa artikolo de nia kunredaktoro s-ano V. Julzari pri la ekonomia planado en Pollando, Jugoslavio, Bulgario k. a. landoj.

***Francaj*** samideanoj organizas antaŭkongresan Amikan Intereacian renkonton en Angers de la 13 ĝis 22 de Julio 1947. Jam aliĝis esperantistoj el Britlando, Ĉeĥoslovakio, Danio, Hungario, Maroko, Nederlando k. a. Detalojn petu de f-no Nouais, 28 bulevard Descazeaux, Angers, Francio,

***Kuracistoj*** de ĉiuj landoj, la Internacia Medicina Revuo baldaŭ reaperos. Anoncu vian adreson al D-ro P. Kempeneers, 19 Avenue Montjoie Ucele (3) — Belgio.

***Aŭstria Esperanto-kongreso*** okazos la 29.—31. de Aŭg. 1947 en Kufstein, Tirol. Ni petas ĉiujn Esp.-organizaĵojn, grupojn, instancojn kaj la geesperantistaron ĝenerale, ke ili bonvolu sendi salutleterojn aŭ kartojn al: Esperanto-Kongreskomitato, prezidanto d-ro Alfons Huber. Kufstein Zell, Tirol, Aŭstrio.

***En Bruxelles,*** Belgio, ĉi jare okazos memoriga manifestacio pri la centjara datreveno de la fama verko „La Komunista Manifesto" de K. Marx (1847—1947).

Estas dezirinda amasa partopreno de la laboristaj samideanoj kaj neesperantistoj. Detaloj pri la festaranĝoj petu de: Brusela Laborista Esperantista Grupo, Sekretario: F. Debaene, 9 rue Lebau, Bruxelles, Belgio.

***Oni rajtas*** interesan rabaton, kiam oni vojaĝas sur la franca fervojaro:

1-e. Se almenaŭ 3 personoj de sama familio vojaĝas kune.

2-e. Se almenaŭ 10 personoj kuniĝas por sama vojaĝo.

Pliajn detalojn petu al: Franca Nacia Fervojista Societo. Bureau des Renseignements — Gare St. Lazare, Paris, kiu respondas esperante al eksterlandanoj.

***Hungara*** urbeto Pestszentlõrinc apud Budapest la 25 Aprilo en komunuma kunsido decidis nomi unu straton „Esperanto".

# INTERNACIA KULTURO

KULTURA REVUO DE BALKANLANDAJ ESPERANTO-ASOCIOJ

JUNIO 1947

DUA JARO — ADRESO: ALABIN 33, III ETAĜO, ĈAMBRO № 318, SOFIA — BULGARIO

NUMERO 10

*Assen Grigorov*

## GEORGI DIMITROV — GVIDANTO DE LA BULGARA POPOLO

**(OKAZE DE LIA 65-JARA DATREVENO)**

*La tuta bulgara popolo nun, festante la 65-jaran datrevenon de la naskiĝo de sia gvidanto kaj majstro, donas esprimon de sia granda, elkora amo al li, de sia dankemo kaj preteco lin sekvi sur la vojo de la savo, sendependeco kaj progreso de sia libera patrolando.*



*La nomo de Georgi Dimitrov estas konata ne nur en la limoj de malgranda Bulgario; ĝi estas konata en la tuta mondo. Eĉ pli, ĝi estas en la koroj de milionoj. Unu mia franca korespondanto el la Pirineoj skribis al mi: „Mi baptis mian filon je la nomo de via granda samlandano, kiun ni estimas kaj amas". S-ano Marshall el Biggin Hill, Britlando, lastatempe iniciatis kaj sendis al G. Dimitrov entuziasmoplenan kolektivan salutleteron, subskribitan de pluraj angloj, por esprimi al li sian estimon. Multaj aliaj samideanoj en siaj leteroj donas la esprimon de sia estimo al li.*

*Kiu estas G. Dimitrov? Kial tiu ĉi neordinare granda estimo al unu popol- kaj ŝtatgvidanto de tiel malgranda nacio, kia estas la bulgara nacio?*

*Georgi Dimitrov, la nuna ĉefministro de la Bulgara Popola Respubliko, naskiĝis la 18-an de Junio 1882 en malgranda urbeto Radomir, situanta 40 km de Sofio. Lia familio estas familio revolucia. Lia frato Nikola pereis en Siberio, kondamnite je vivlonga ekzilo, kiel kuraĝa batalanto kontraŭ la iama rusa carismo. La alia frato — Todor — estis murdita de la bulgara polico pro lia kontraŭfaŝisma agado en 1925.*

*Georgi Dimitrov, estante apenaŭ 12-jara knabo, devis forlasi la lernejon; li fariĝis kompostisto. Li baldaŭ aliĝis al la progresiva laborista movado en Bulgario. Lia kapableco, lia kuraĝo kaj senlima sindonemo al la afero de la demokratio lin baldaŭ puŝis antaŭen. La mankantajn sciojn kaj sian ĝeneralan kulturon li kompletigis legante kaj studante memstare dum la noktoj progresivan sciencan kaj ĝeneralan literaturon. Ankoraŭ 16-jara, G. Dimitrov estis unu el la aktivuloj de la presista sindikato en Sofio. Estante 18-jara junulo, li estis elektita kiel sekretario de la Tutbulgara Presista Profesia Ligo. Malpli frue li fariĝis deputito de la Bulgara parlamento.*

*G. Dimitrov montris sian signifon de saĝa kaj kuraĝa popolgvidanto dum la unua ribelo kontraŭfaŝista en Bulgario dum Septembro 1923. Tiam la bulgara laboristaro kaj kamparanaro faris la unuan provon por skui for de la korpo de la popolo la sangan faŝistan diktaturon de Cankov kaj iliaj kreis, sub la gvido de G. Dimitrov, por la unua fojo en sia historio, la unuecan demokratan fronton. La Septembran ribelon mem Dimitrov aktive gvidis de la komenco ĝis la fino.*

*Sed sian talenton de granda, mondskala politika viro kaj de kuraĝa kontraŭfaŝista batalanto G. Dimitrov brile montris dum la famega juĝproceso en Leipzig 1933, kie li estis kulpigita de la germana faŝismo kiel unu el incitintoj de la in-*

(Sekvas sur paĝo 4)



La bulgaraj infanoj ofte vizitas sian amatan Majstron, k-don Georgi Dimitrov

# Georgi Dimitrov — gvidanto de la bulgara popolo

(Daŭrigo de paĝo 3)

*cendio en la germana Reichstag. La dramecaj detaloj de tiu ĉi proceso estas bone konataj al ĉiu kultura homo, kaj ne estas tasko de tiu ĉi artikolo reprodukti aŭ klarigi ilin, kiom ajn interesaj per si mem ili estus. Mi nur volas montri, ke la politika linio de G. Dimitrov dum tiu ĉi proceso, lia taktiko de unueca demokrata kontraŭfaŝista fronto, de mobilizo de la publika opinio tutmonda kaj fine lia venko morala super Hitler kaj lia bando dum tiu ĉi proceso estis de historia graveco. Ĝi montris, ke la hitlerismo, kiu tiam estis potenca kaj aroga, estas tamen venkebla. Tio, kio devis okazi en Leipzig, estis simbolo de tio, kio okazis post 10 jaroj. G. Dimitrov tiam ekstaris ĉe la frunto de la fronto, kiu definitive mortigis la hitleristan monstron 10 jarojn malpli frue.*

*G. Dimitrov montris praktike, ke kontraŭ la faŝismo, kiu estas doktrino kaj organizacio de la ekspluatista monopola kapitalo, kaj kiu minacas la liberecon kaj la kulturon de la homaro, devas esti konstruata kaj starigata la unueca fronto de ĉiuj honestaj, demokrataj liberamaj homoj kaj popoloj.*

*Nun G. Dimitrov estas la rekonata gvidanto kaj majstro de la bulgara nacio. Per saĝa kaj firma mano, trovante la senrezervan subtenon de la tuta popolo, li direktas la bulgaran ŝtatan ŝipon. Lia politiko estas eterna amikeco kun la granda Sovjeta Unuiĝo kaj frata kunlaborado kun la cetera demokrata mondo. Ja nun, post la dua mondmilito, kiam la Sovjeta Unuiĝo montris, ke ĝia sovjeta sistemo estas la plej fortika politika kaj sociala sistemo el ĉiuj ekzistantaj ŝtatsistemoj; kiam la tuta mondo klare konscias la savantan rolon de la sovjeta armeo ĉe la venko super la hitlerismo, nun ne povas ekzisti vere popola gvidanto en iu ajn demokrata lando, kiu povus fari politikon malamikan al la Sovjeta Unuiĝo. Kaj G. Dimitrov en sia agado faras ĉion kio troviĝas en lia ebleco, por fortikigi la kunlaboradon kaj la amikecon inter la bulgara popolo kaj la ceteraj demokrataj popoloj, antaŭ ĉio la popoloj de la granda Sovjeta Unio kaj de Jugoslavio.*

*Ensorbinte en si la demokratajn tradiciojn de la plej grandaj patriotoj de la bulgara nacia renesanco; batalante ek de sia plej frua juneco en la unuaj vicoj de la demokrata movado kaj kreskinte kiel granda gvidanto de sia popolo, G. Dimitrov estas feliĉa vidi nun la fruktojn de la semoj, kiujn li ĵetis: estas konstruita la plena demokrata unueco de la bulgara popolo post la malveko de la faŝismo en Bulgario, kiu unueco estas garantio por la materiala kaj kultura progreso de nia popolo kaj lando.*

*La bulgara kaj alilanda esperantistaro deziras al Ĉefministro G. Dimitrov fortikan sanon kaj longan vivon, por ke li povu gvidi sian popolon al ĝia hela kaj feliĉa estonteco!*

*Petr Bezruĉ*

# Marinjo Magdon

*Magdon maljuna el Ostrava hejmen*
*iris vespere kaj haltis je brando;*
*falis en foson kun kap' disrompita —*
*hejme tre ploris Marinjo Magdon.*

*Karbovagon' renversiĝis sur relo,*
*sub ĝi pereis vidvino de Magdon.*
*Orfoj kvin ploris en Hamro Malnova,*
*kaj pleje — plejaĝa Marinjo Magdon.*

*Kiu nun ilin adoptos, satigos?*
*Ĉu vi por ili nun estos gepatroj?*
*Ĉu minejestro la koron posedas,*
*kiel vi same, Marinjo Magdon?*

*Finon ne havas markiza arbaro.*
*Kiam la patron mort' trovis en mino,*
*lignan fasketon ĉu orf' preni povas?*
*Pensas vi tion, Marinjo Madon?*

*Frostas, Marinjo, kaj mankas manĝaĵo*
*Plena montaro de branĉoj kaj ligno.*
*Vidis urbestro vin, Hochfelder, ŝteli,*
*ĉu li silentos, Marinjo Magdon?*

*Kian fianĉon vi al vi elserĉis?*
*Plumon sur ĉap' kaj pikilon ĉe brako,*
*frunton severan, kaj vi kun li iras;*
*ĉu en Frydek'-on, Marinjo Magdon?*

*Strange vi amas lin. Kapo klinita;*
*viajn okulojn vi kaŝas per tuko,*
*kaj en ĝin fajraj enfluas larmetoj.*
*Kial vi ploras, Marinjo Magdon?*

*Burĝoj en Frydek kaj la sinjorinoj*
*mokos pri vi kun mieno malica;*
*Hochfelder vidos vin tie en ĉambro:*
*Kiel vi fartas, Marinjo Magdon?*

*Flanke, Marinjo, rok' staras tre kruta,*
*fluas apude kaj bruas rivero,*
*ŝaŭma, sovaĝa — jen Ostravica.*
*Ĉu vi ĝin aŭdas, Marinjo Magdon?*

*Salto maldekstren — kaj ĉio finiĝas..*
*Via hararo kroĉiĝis sur roko,*
*sango makulis la blankajn manetojn,*
*Dio kun vi estu, Marinjo Magdon.*

*En la tombejo ĉe l' muroj la tomboj,*
*krucoj kaj floroj sur ili ne estas.*
*Memmortiĝintoj ĉi tie nur kuŝas.*
*Kuŝas ĉi tie Marinjo Magdon.*

*El la ĉeha originalo tradukis:*
***Jaromir Pavlacky***

## NACIO, KIU LUKTAS KONTRAŬ LA FAŜISMO

### NE ESTAS SOVAĜA KAJ BARBARA!

*Estas vero, ke la bulgara faŝismo estas sovaĝa kaj barbara. Sed la bulgara laborista klaso kaj la kamparanaro, la bulgara demokrata inteligentularo tute ne estas sovaĝuloj kaj barbaroj. La nivelo de la materiala kulturo sur la Balkano nepre ne estas tiel alta, kiel en la ceteraj eŭropaj landoj, sed spirite kaj politike niaj popol-amasoj ne staras sur malpli alta nivelo ol la amasoj en la ceteraj landoj de Eŭropo. Nacio, kiu 500 jarojn longe vivis sub fremda jugo, ne perdinte sian lingvon kaj naciecon, nia laborista klaso kaj la kamparanoj, kiuj luktis kaj plue luktadas kontraŭ la bulgara faŝismo — tia nacio ne estas sovaĝa kaj barbara. Sovaĝuloj kaj barbaroj en Bulgario estas nur la faŝistoj. Sed mi demandas vin, sinjoro prezidanto,* ***en kiu lando la faŝistoj ne estas barbaroj kaj sovaĝuloj?***

*Jam en la tempo, kiam la germana imperiestro Karlo V diris, ke li parolas germane nur kun siaj ĉevaloj, kaj la germanaj nobeloj kaj instruituloj skribis nur latine kaj hontis pri la germana lingvo, en „barbareca" Bulgario la apostoloj Kirilo kaj Metodio estis kreintaj kaj disvastigis la antikvan bulgaran literaturon.*

(En la konkluda parolado de G. DIMITROV antaŭ la Tribunalo en Leipzig 1933)

La juna bulgara generacio kreskas sub la patraj zorgoj de G. Dimitrov



*Svetoslav Minkov*

# RAKONTO KUN VITAMINOJ

$C^{36} H^{20} N^{4} O^{9}$

Jen afero tute nova.

Iam oni ne respektis la sciencon kaj laŭ mi oni pravis en ioma grado: tiam la scienco okupiĝis pri tre abstraktaj aferoj, kiuj interesis nur limigitan rondon de blankharaj maljunuloj. Kompreneble, oni ne devas nei, ke la pasinteco ankaŭ donis multajn valorajn inventojn al la homaro, sed oni eĉ ne povas fari komparon inter ĝi kaj la hodiaŭa jarcento en la kampo de la sciencaj akiroj.

Antaŭ ĉio, ni diru kelkajn vortojn pri la praktikeco de la nuntempaj malkovroj. Hodiaŭ, ekzemple, neniu scienculo turmentiĝas pri la kvadraturo de la disko, la mistero de la nombro agitas jam ne eĉ unu kabinetan cerbon. La novaj scienculoj marŝas kun golf-pantalonoj kaj ludas tenison, en iliaj laboratorioj kantas Picaver kaj Ŝaljapin, kaŝite en la sonspiralo de la gramofondiskoj. Ili estas senigitaj de la legenda distremo de la iamaj profesoroj kaj havas neniajn biografiajn strangecoj.

Per unu vorto — la nuntempa scienculo estas homo kiel ĉiuj aliaj. Li pensas sobre, eĉ tro sobre kaj li komprenas tre bone sian inklinon: tute egale estas al li, ĉu la tero turniĝas — grave estas, ke la vivo de la homoj estu pli oportuna kaj pli trankvila. Kaj jen oni faras nekredeblajn malkovrojn: pluvŝirmilojn kun fulmforigilo, ĉapelojn kun radioaparatojn, kiuj pensas kaj skribas memstare, pilolojn de montaraero kaj maraero, ŝuojn kun risortoj por danci negrajn dancojn kaj ankoraŭ mil bagatelajn kaj malgravajn ĉe la unua rigardo malkovrojn, kiuj efektive havas grandan signifon por la ĉiutaga vivo de la homo.

Samtempe, ĉiuhore ĝermas unu nova scienco, dediĉita al nia organismo: malgranda volumeto, verkita en populara lingvo kun la portreto de la aŭtoro, kun antaŭparolo kaj kun formuloj.

Scienco pri la spirado.
Scienco pri la digestado.
Scienco pri la nervteksaĵo.
Scienco pri la sangcirkulado.

Dum fine la fiziologia kemio mem gravediĝas per siaj eksterleĝaj rilatoj kun unu scienculo kaj naskas la plej novan sciencon pri la tiel nomataj vitaminoj.

La vitaminoj estas la energio de la vivanta organismo, sen vitaminoj oni ne povas ĝui bonan sanon.

Efektive, la vitamino estas speciala substanco, kiun oni ne vidas per nearmita okulo, sed ĝi havas diversan formon sub la lenso de la mikroskopo kaj pro tio ĝi apartenas al diversaj grupoj: A, B, C, D ktp.

Plej interesa estas ĝia formo el la grupo N: tiu-ĉi vitamino similas al paragrafa signo kaj oni renkontas ĝin ordinare en la vosto de la bakita porkido.

Alia vitamino, kiu same meritas nian atenton, estas tiu el la grupo L, kiun oni renkontas nur en la paska pano kaj ĝi havas la astronomian figuron de la planedo Neptuno.

Ĝenerale, oni renkontas vitaminojn en ĉiuj specoj de la homnutraĵo: en la nigra frajo, en la kuko, en la malnova vino, en la hungara kolbaso, en la viandrostaĵo kun ovoj, en la glaciitaj fruktoj kun kremo.

La hodiaŭa kultura homo revas pri sana korpo, li envias la afrikan negron, kiu de mateno ĝis vespero rostiĝas en la sunlumo kaj kolektas ĝiajn radiojn en siajn muskolojn — ho, tiu ĉi tropika miraklo kun dika haŭto de elefanto, kies karno estas liberigita poreterne de la aristokrataj suferoj de la podagro!

La moderna homo vivas kun vera timo pri sia sano, li havas nur du eblecojn por gardi sian korpon kontraŭ la frua morto: la sporton kaj la vitaminojn.

Sed dum oni povas trovi tempon ĉiam por sportekzercoj, kun la vitaminoj ne estas tiel. Ni nutras nin trifoje, eĉ kvarfoje potage kaj tamen, tio ĉi ne estas sufiĉa por engluti la necesan kvanton de tiu ĉi vivenergio, kiu freŝigas ĉiujn ĉelojn de nia organismo.

Do, oni devas serĉi vitaminojn ne nur en la nutraĵo, sed ankaŭ aliloke.

Kaj oni serĉas ilin. Kaj oni trovas ilin.

Eĉ en la arto: en la bildoj de la pentristoj, en la verkoj de la verkistoj, en la komponaĵoj de la muzikistoj (precipe en la operetoj kaj la ĝasbandaj ŝlageroj).

Tie ĉi ni pristudos nur la vitaminojn en la literaturo, ĉar ili ludas tre gravan rolon en la lukto inter la blankaj kaj ruĝaj sangkorpetoj. Ne haltante ĉe ilia empirika formulo kaj ĉe ilia influo al la lakmuso, ni rekte rakontos mallongan historion pri ilia magia efikeco.

Antaŭ kelkaj monatoj mia amiko ricevis proponon verki romanon kun pli da vitaminoj, por kiu la eldonejo devigis sin pagi al li la rekordan honorarion de 10.000 dolaroj.

Mia amiko ne estis riĉa homo. Li akceptis la proponon kun ĝojo kaj tuj fermiĝis en sia ĉambro. Kaj tio ĉi estis tre natura, ĉar, konsentu, por tia honorario oni povas verki ankaŭ romanon kun pestbaciloj.

Do, li, mia amiko komencis pripensi la subjekton — la unuan necesan kondiĉon por ĉiu beletra verko.

Post kelktaga pripenso li venis al la nerefutebla konkludo, ke la romano devas esti antaŭ ĉio morara. Jes, la morara romano enhavas plej grandan kvanton da vitaminoj. En ĝi estas pajlo, kaj bovinoj, kaj ŝafidetoj, kaj freŝa lakto, kaj ajlo, kaj ĉio ĉi estas neelĉerpebla fonto de la nove eltrovita energio.

La verkisto pri kiu temas, verkas tre rapide. Li estas benita kun granda talento kaj pro tio li neniam korektas siajn manuskriptojn.

La romano estis preta post dekses tagoj: 413 manuskriptaj paĝoj de granda formato.

Kia stilo, kiaj figuroj, kia vivanta vortludo! Legante tiun ĉi libron, vi ĉesas pensi pri la realeco, ĉirkaŭanta vin: meze de via ĉambro elkreskas abunda herbo, brodita per cejano, via etaĝero kun libroj aliformiĝas je malalta palisaro, ĉirkaŭ kiu dise kuŝas grandaj flavaj kukurboj, kaj ĵetinte rigardon al la spegulo — vi vidas subite bovidon kun gracioza kapo kiel virĉevalo: ĝi rigardas vin milde en la okulojn kaj kvazaŭ ridetas.

Legu tiun ĉi romanon de la komenco ĝis la fino kaj post tio eliru por promeni sur la straton.

Konatuloj renkontos vin. Oni diros al vi surprizite:

— Dio, kiel vi bonfartas!

— Ĉu eble vi vizitis kuraclokon?

Kaj vi ridetos sinretene kaj anstataŭ respondon vi nur sciigos al ili la titolon de la mirinda libro kaj la nomon de ĝia aŭtoro,

Do, „la romano aperis kaj oni vendis ĝin". La kritikistoj, kiuj delonge metis novajn plumojn en la plumingojn kaj atendis senpacience ian grasan rabaĵon, komencis verki entuziasmajn recenzojn pri la nova libro.

Por unu semajno: 935 recenzoj!

Pro la manko de tiel granda nombrò da gazetoj kaj ĵurnaloj, kritikaĵoj aperis ankaŭ sur la tramfenestroj, kaj sur apartaj flugfolietoj, kiujn oni disdonis senpage en mil ekzempleroj al la stratpasantoj.

Verkis ne nur la profesiaj kritikistoj. Verkis ĉiuj, kiuj konis la alfabeton, ĉar ĉiu opiniis sia homa devo diri kelkajn vortojn pri la vitaminoriĉa romano.

Oni devas legi la libron en ĉiuj lernejoj.

Kaj en la malsanulejoj.

Kaj en la kazernoj.

Kaj en ĉiuj ŝtataj, komunumaj kaj privataj institucioj.

Ĝia efiko al la legantoj havas moralan kaj kuracan fortojn.

Unu surdmutulo ekparolis kaj komencis aŭskulti pri aferoj, kiuj konfuzis liajn nervojn. Relegînte la romanon, li, nature, kuracis ankaŭ sian nervan perturbon.

Unu senida virino faris tutan revolucion en la ginekologio. Ŝi naskis sep infanojn per unu fojo, el kiuj unu knabo kaj ses knabinoj.

Unu politikisto saĝiĝis kaj rifuzis la politikon.

Unu pastro komencis kredi en Kristo.

Kaj kelkaj maljunaj instruistoj eltiris el siaj familiaj konservejoj siajn forgesitajn jubileajn ĉapelojn, fiksis ilin sur siajn kalvajn kapojn kaj kunvenis, solenkunside en kvieta kafejo, kie oni fondis asocion por defendo de la morara arto.

Vi demandos pri mia amiko.

Ho, nun li ĝuas feran sanon. Liaj muskoloj kreskas ne en tagoj, sed en horoj kaj tio estas ŝuldata ne al la vitaminoj en lia propra romano, sed al aliaj vitaminoj, kiujn oni renkontas nur en la laŭdanta literatura kritiko.

— — —

Tia estas la historio de tiu-ĉi miraklofara libro, de kiu ne eĉ unu ekzemplero plu troviĝas en la librejoj.

— — —

*Noto de la aŭtoro.* Tiu ĉi rakonto havas ĉiujn kvalitojn de scienca prelego kaj la leganto ne devas pensi, ke li perdis sian tempon, leginte ĝin. Li estos rekompencita pro sia nobla pacienco, ĉar ĉi sube la aŭtoro donas al li la tutan eblecon eluzi la vitaminojn en tiuj ĉi kelkaj paĝoj. Ĉiu literatura verko, kiel ajn malgrava ĝi estis, enhavas en si milionojn da vitaminoj, kiuj kvankam per diversaj vojoj, ĉiam bone influas al la organismo de sia leganto.

Do, la leganto estas petata tralegi ankoraŭfoje la ĉi-supre priskribitan historion laŭ la jena maniero: oni prononcu ĉiun vorton malrapide, klare kaj enspirante profunde ĉe malfermita fenestro. La rezulton de tiu ĉi tre simpla ekzerco oni eksentos jam en la mezo de la rakonto. La leganto komencos oscedi, liaj okuloj fermetiĝos, li alpaŝos preskaŭ nekonscie al la lito kaj sternos sin sur ĝin.

Kaj kio estas pli bona ol tio — li sin ŝiros for de la febra realo de la hodiaŭa jarcento kaj transportiĝos por kelkaj horoj en la regnon de la sonĝoj.

El la bulgara lingvo tradukis:
*Georgi Hârŝev*



La bulgara junularo entuziasmoplene laboras por la rekonstruado de sia libera demokrata patrolando. Nia bildo prezentas la konstruadon de la nova montarŝoseo „Hain Boaz", kiu estas verko tute memstara de la bulgara junularo.

# SUR FORMOZO

de N. PROCENKO

Formozo estas granda insulo apud la orienta bordo de Ĉinlando. Ĝia surfaco havas 360.000 kvadratajn kilometrojn. Ĉi sube ni donas iom mallongigita la interesan priskribon de N. Procenko, aperintan en la gazeto „Novoe Vremja", n-ro 21 de la kuranta jaro. La Redakcio

La eventoj sur la insulo Formozo, kie la ĉina registaro sufokis en sango la ribelon de la indiĝena loĝantaro, altiris la atenton de la tuta mondo al tiu ĉi riĉa kaj pitoreska, sed malkonata anguleto de la terglobo.

Kio kaŭzis la ribelon de la pacema loĝantaro de l'insulo, kiu nur antaŭ unu jaro kaj duono liberiĝis el la japana jugo? Kial la aŭtoritatoj de Ĉinlando — de la lando, kiu dum 8 jaroj militis kontraŭ la japanaj okupantoj, por nacia liberiĝo, — ekiris la vojon de sanga batalo kontraŭ la popolo? Respondon al ĉi demandoj donas la vivo mem.

Ni havis la okazon vojaĝi sur Formozo en la fino de l' pasinta jaro. La ĉefurbo de la insulo estas Tajbej, situanta en la centro de la nordformoza ebenaĵo, preter la kvieta rivero Tonsuj, serpentumanta meze de pitoreskaj kampoj kaj ĝardenoj.

Tajbej estas precipe administrativa kaj komerca centro. Ĉi tie preskaŭ mankas industri-entreprenoj, tamen rekompence floradas restorejoj, drinkejoj kaj aliaj amuzejoj.

La naturo de Formoza estas treege bela. Ĉeno da montaroj kovritaj je riĉa varia plantaro, etendiĝas de la norda ĝis la suda finaĵo de l' insulo, leviĝante per apartaj montopintoj ĝis 3300 m. alte, krutiĝante malalten en senfundaj abismoj kaj intermontoj. Ŝtormaj riveroj elŝprucas inter la tropikaj arbustejoj, kovrantaj la montarojn. Laŭlonge de la tuta okcidenta marregiono etendiĝas ebenaĵo; tie estas ĉefe koncentrita la loĝantaro, kies nombro estas 6.500.000 loĝantoj.

La insulo estas apartigita de la ĉina lando per markolo larĝa ne pli ol 150 kilometrojn. La tropiko de la Kankro tratranĉas la insulon iom pli sude ol en ĝia centro. Tiamaniere, la norda parto apartenas al la subtropika zono, kaj la suda — al la tropika zono. La klimato ĉi tie estas favorega — ne vane oni nomas Formozon ĉiam floranta ĝardeno.

* * *

En la fino de la 19-a jarcento Japanio konkeris Formozon. La insulloĝantaro respondis al tio per ribelo. Dum Majo 1895 Formozo estis proklamita respubliko. Ĝi daŭris kelkajn monatojn. Nur en Oktobro la japanoj sukcesis plene okupi la insulon. Tamen la partizana milito kaj la malleĝa agado de la formozaj revoluciuloj ne ĉesis. Ĉiujn 2—3 jarojn sur la insulo okazis amasribeloj. Dum la jaroj de la Pacifika milito en Ĉinlando ekzistis formoza revolucia ligo, kiu daŭrigis la batalon por la liberiĝo el la japana jugo. Kun la kapitulaco de Japanio la duonjarcenta regado de la okupantoj finiĝis, kaj Formozo, konforme kun la decido de la konferenco en Kairo, reunuiĝis kun Ĉinlando.

La loĝantaro de Formozo konsistas plejparte (95%) el ĉinoj, dum jarcentoj transmigrantaj de la kontinento kaj konservintaj la fundamentajn ras-trajtojn. Tamen ankaŭ la influo de la indiĝenoj kaj de la japanoj rimarkiĝas. Pli ol ĉio ĝi estas konstatebla ĉe la parolata lingvo. La kamparanoj konsistigas la ĉefan parton de la insulloĝantaro. Sed nur 30 elcentoj de la vilaĝmastrumoj havas propran teron. La ceteraj estas malgrandaj terluantoj, troviĝantaj en ĉiama sklaveco ĉe la terposedantoj, kaj kampservistoj, laborantaj en grandfarmoj de kapitalista tipo. Konsiderinda parto de la plugebla tero apartenanta al la kamparanoj estis forprenita de la japanaj okupantoj, kaj post la milito tiu tero fariĝis posedaĵo en la manoj de la ĉinaj terposedantoj kaj kuomintang-aj administraj organoj. La laborkondiĉoj en la farmoj estas tre pezaj. La vilaĝmastrumaj laboristoj trenas mizeran ekzistadon.

Dum la jaroj de sia okupado la japanoj sisteme batalis kontraŭ la indiĝenoj. La montargentoj senpardone revenĝis al ili pro la kruelaĵoj. La japanoj metis dratbaraĵojn kaj instalis policpostenojn preter la limoj de la regionoj, loĝataj de indiĝengentoj. La armitaj laŭ la lasta vorto de la tekniko japanaj taĉmentoj neniigis la indiĝenajn vilaĝetojn.

* * *

La veturado al suda Formozo prezentas grandan intereson. Maldekstre laŭ la longo de l' tuta vojo etendiĝas sovaĝaj arbarriĉaj deklivoj de l' montaroj. Dekstre estas videtebla la marbordo, ŝaŭmkovrita de la franĝosimila batado de la marondoj, kaj malantaŭ ĝi — la blua spegulo de la maro. Ambaŭflanke de la fervojo — rizkampoj, tabakaj kaj ananasaj plantejoj, plantkampoj de sukerkano, bananaj forstoj. En tranĉanta kontrasto kun tiu ĉi feste bela, riĉa naturo estas la malriĉaj, mizeraj kabanetoj kaj la vea mizerego de la laborema loĝantaro.

La fruktoj de ĝia laborado rikoltas aliaj — tiuj, kiuj vivas por alies konto. Ĉe la fervojstacioj oni povas vidi duonnudajn, en malpuraj ĉifonoj gevirojn, nudajn infanojn. Nur la naturo ne konanta vintron favoras la malfeliĉan loĝantaron.

La fervojo tranĉas multajn riverojn, fluantajn de la montaro al la maro. Ili estas malgrandaj, sed ludas gravan rolon en la ekonomio de la insulo. Ilia energio nutras 26 elektrostaciojn kun suma kapacito de 270,000 kilovatoj. Krome, ekzistas 8 termalaj elektrostacioj. La ĝenerala centrigita linio de la elektrokondukilo etendiĝas preter la tuta okcidenta marbordo de Formozo 370 kilometrojn longa.

Inter la aliaj riĉaĵoj de Formozo la ŝtonkarboj okupas konsiderindan lokon. Dum la vojaĝo suden ni vidis karbominejoj ĉe la fervojlinio mem. La karborezervoj, laŭ ĉinaj informoj, atingas 400 milionojn da tunoj. La karbo troviĝas en maldikaj tavoloj, ĝis duonmetro. Sur la insulo oni nombras 55 minejojn. En la karboindustrio estas okupataj ĉirkaŭ dudek mil laboristoj. Sur Formozo troviĝas ankaŭ nafto, sed ĝia akirado ne estas disvolvita.

Lasta punkto de nia vojaĝo en suda Formozo estis la urbo Kosjun. Ĝi estas eksa japana militmara bazo gardinta de la sudo la malproksimajn alirejojn al Japanio. La urbo kaj la haveno estas treege detruitaj de la Usona aviado. La rekonstrulaboroj ne ankoraŭ komenciĝis. Ĉiuj haveninstalaĵoj estas faritaj absolute neuzeblaj. La belegan oportunan havenon oni nun nomas „golfo de la morto". La skeletoj de la rompitaj ŝipoj kuŝas sur la malprofundaĵoj, kovrite de dika tavolo da mituloj.

Kosjun estas granda industria regiono. Ĉi tie troviĝas cementaj, metalurgaj, aluminiaj, naftodestilaj, kamforaj fabrikoj. La entreprenoj ne multe suferis pro la milito, sed ilia produktado abrupte falis. La karboproduktado nun estas sume 86,560 tunoj pomonate. La fabrikado de cemento malaltiĝis de 300,000 tunoj al 5,700 tunoj.

Sed ankaŭ ĉi tiuj oficialaj informoj malmulte respegulas la realan aferstaton. Ankoraŭ longe antaŭ la vojaĝo ni legis en la ĉina gazetaro informojn pri la peza ekonomia situacio de Formozo kaj pri la mizerado de la loĝantaro. Kiel ĝi reale aspektas, ni povis konvinkiĝi en Kosjun, kie ni observis la ĉiutagan vivmanieron de la loĝantaro. Ni vizitis la butikojn, la tetrinkejojn kaj restoracietojn en la komerca kvartalo, konversaciis kun la lokaj loĝantoj. De ĉiu flanko sin aŭdigis veado kaj plendoj. Oni rakontis al ni kiel la Kuomintanga administracio, aperinta sur Formozo post la kapitulaco de Japanio, ruinigas la insulon.

Post la malvenko de Japanio, la Kuomintangaj aŭtoritatoj en Ĉinlando, kiel konate, mobilizis armeojn kontraŭ la popola armeo, luktanta por demokrata Ĉinlando. Por la nova civila milito oni bezonas provianton kaj monon. La Kuomintangaj aŭtoritatoj komencis elpumpi ilin el Formozo. El la insulo estis senprokraste enportitaj en Ĉinlando grandaj kvantoj da rizo, sukero, fruktoj kaj multaj aliaj varoj. La fabrikoj komencis fermiĝi, la senlaboreco — kreski, la prezoj altiĝi. La loĝantaro vidis ke, liberiĝinte de la japana okupacio, ĝi denove falis en sklavecon.

Ĉio ĉi provokis gandegan malkontentecon ĉe la popolamasoj, kiu elverŝiĝis en vastan popolribelon kontraŭ la nova ĉina administracio kaj la politiko de la Kuomintanga registaro.

La ribelo komenciĝis 28-an de februaro 1947 en Tajbej. La ribelintoj komencis frakasi la registarajn institucioјn kaj butikojn, puni la Kuomintagajn oficistojn. Ili okupis la sidejon de la general-guberniestron, la stabejon de la militgarnizono kaj multajn aliajn instituciojn. La oficistoj barikadiĝis en la domoj, ne decidiĝante aperi sur la stratoj. La ribelo rapide disvastiĝis tra la tuta insulo.

La ribelantoj levis la sekvantajn postulojn: likvido de la ekzistanta burokrata administrantaro, forigo de la monopoloj, elektado de la urbestroj kaj de la magistratoj, dono de demokrataj rajtoj. La generalguberniestro de la insulo estis devigita trakti kun la reprezentantoj de la ribelinta loĝantaro kaj promesi plenumi iliajn postulojn. Estis eĉ kreita speciala komitato por prepari la reformplanon. Tamen, kiel poste klariĝis, la traktado kaj la promesoj de la guberniestro estis manovro por gajni tempon. Dum oni traktis, estis transportitaj de la kontinento al la insulo kelkaj divizioj de la armeo. Komenciĝis sanga batalado. Oni mortpafis la loĝantaron sur la stratoj per maŝinpafiloj. La invadintoj enpenetris la hejmojn, rabante kaj murdante. La stratoj de Tajbej, laŭ la atestado de okulvidantoj, estis semitaj per kadavroj. En la urbo estis murditaj ĉirkaŭ kvar mil pacaj loĝantoj. Sur la tuta insulo la nombro de la viktimoj el la paca loĝantaro atingas 10 mil.

— — —

La ribelo estis sufokita. Tamen la aŭtoritatuloj, timigitaj de ĝia dimensio, konsideris necese iom mildigi la reĝimon. La administracio estis iomete reorganizita, kelkiuj reprezentantoj de la indiĝena loĝantaro estis allasitaj ĉe la administraj organoj. La milita guberniestro Ĉen-I estis forigita de lia posteno, kaj la milita administrantaro ŝanĝita per civila. Oni povas prezenti al si, kiaj kriantaj kondiĉoj estis sur Formozo, se la Kuomintangaj aŭtoritatuloj, sufokinte la ribelon, estis devigataj konsideri kelkajn postulojn de la loĝantaro.



La demokrata bulgara junularo kantante kaj vigle marŝante iras al la laborobjekto „Hain-Boaz"

# BULGARIO — SANIGEJO DE EŬROPO

La naturo de Bulgario distingiĝas per sia eksterordinara varieco. Ĝia fieraĵo — Rila kaj Pirin montaroj — laŭ beleco de l' pejzaĝo kaj klimataj kondiĉoj ne cedas al la Alpoj en Svislando. La bordo de Nigra maro ĉe Varna, Obzor (Gjozeken), Nesebr (Mesemvria) konkuras kun la plej belaj strandoj de Eŭropo. Proksimume la duono de la landteritorio — Stara-Planina, Sredna Gora, Rodopi, Rila, Pirin k. a. montaroj prezentas el si belegajn montarkurortojn.

Bulgario estas riĉe dotita per diversaj mineralfontoj — pli ol tricentsesdek! Nur ĉirkaŭ la Rodopa urbeto Lâĝane ili estas tridek, en urbo Kjustendil la akvo de kelkaj tiaj fontoj kun temperaturo de 90° ŝprucas el la stratoj mem, kaj ankaŭ en la ĉefurbo Sofio mem troviĝas kvar mineralfontoj, kiuj laŭ sia saniga efiko multe superas la akvon de unu tiel famekonata kuracloko kiel Karlovi-Vari (Karlsbad).

En la lando troviĝas ne malmultaj pitoreskaj urboj: la mezepoka ĉefurbo de Bulgario *Veliko Tirnovo,* situita amfiteatrece sur krutaj rokaj bordoj, inter kiuj serpentumas rivero Jantra; la sternita sur kvin granitaj montetoj urbo *Plovdiv* — (la antikva Filipopolo) en kies centro vi povas okupi vin per alpinismo; la ekzistanta jam pli ol 2200 jaroj Nesebr, urbeto kun kvardek preĝejoj, elkreskinta meze de la maro sur duoninsulo, kunigita kun la bordo per mallarĝa terkolo, larĝa nur kelkajn metrojn.

La historiaj monumentoj de l' tempo de Romo kaj Bizanco; la sola en Eŭropo bareliefo de rajdanto en natura grandeco, ĉizita en rokego, je 23-metra alteco (la rajdanto de vilaĝo Madara); la pentraĵoj en la preĝejo de vilaĝo Bojana, proksime ĉe Sofio, kiuj pruvas, ke la arto de la Renesanco naskiĝis ne en Italio dum 14-a jarcento, sed en Bulgario dum 13-a jarcento, kaj ankaŭ multaj aliaj antikvaĵoj, kiuj prezentas eksterordinare interesajn objektojn por la amatoroj de antikvaĵoj, ĉio ĉi tio, kune prenita, faras el Bulgario belegan objekton por turismo, kaj oni rajte povas diri, sanigejon en tuteŭropa skalo.

Bedaŭrinde, la manko de komforto, luksaj hoteloj, oportunaj komunikaĵoj, je kiuj alkutimiĝis la eŭropaj turistoj kaj vizitantoj de kuraclokoj prezentis ne malgravajn malhelpojn, por ke ĉiuj ĉi tiuj avantaĝoj de Bulgario estu utiligataj plene.

La demokrata registaro de la Patrolanda Fronto turnas grandan atenton al la plibonigo de la kondiĉoj por ripozo de la laboruloj: en ĉiuj bonaj kuraclokoj oni organizas ripozdomojn por laboristoj, oficistoj kaj vilaĝanoj; en la montaj lokoj por la junularo oni aranĝas somertendarojn; al la turistaj societoj oni donas gravajn subvenciojn por aĉeti inventarion por la jam ekzistantaj turistaj domoj kaj por konstruo de novaj tiaj domoj. Samtempe oni pridiskutas la rimedojn por altiri fremdlandajn turistojn. Kiam la vivo normaliĝos kaj oni pli-malpli likvidos la postsekvojn de la milito, Bulgario fariĝos, sendube, sanigejo precipe por la landoj de sudorienta kaj centra Eŭropo.



Bulgaraj junulinoj

# Esperanto en Nov-Zelando

En Nov-Zelando oni ne multe konscias pri la lingvo-broblemo, pro tio, ke ĉie oni parolas nur angle. Eĉ la malmultaj indiĝenoj uzas anglan, krom la maoria lingvo. Ankaŭ en la plej proksima lando, Aŭstralio (tiu ĉi proksimeco estas nur relativa: oni povus intermeti la tutan Eŭropon inter la du landoj), oni ĉie parolas nur angle. En la plejmulto de la insuloj de la Suda Pacifiko, oni parolas ĉefe angle. Niaj plej oftaj vizitantoj krom la britoj, estas la usonanoj, kaj nia komerco estas plejparte kun tiuj du landoj. Sud-Ameriko situas pli ol 5,000 mejlojn malproksime.

El tio sekvas, ke oni ne sentas bezonon pri alia lingvo, kaj oni kredas, ke la angla ĉie sufiĉas. Feliĉe, inter la novzelandanoj troviĝas tiom da pensemuloj kaj lingvo-amantoj, kiom inter aliaj popoloj, kaj el tiuj ni trovas sufiĉe da subtenantoj por Esperanto. La ciferoj en la Jarlibroj de I.E.L. dum multaj jaroj atestas pri tio.

La plej vigla centro de la movado troviĝas en Wellington (173,000), la ĉefurbo, kiu situas ĉe la suda fino de la Norda Insulo kaj sekve meze inter la du ekstremaĵoj de nia insularo. Tie troviĝas pluraj, viglaj kluboj, kaj la ĉefsidejo de la Nov-Zelanda Esperanto-Asocio.

En la plej granda urbo Auckland (260,000), la vigleco de la movado ne estas proporcia al la nombro de la loĝantaro. Tamen, du gravaj kluboj funkcias tie, kaj post la Kongreso kiu okazis en Auckland dum Januaro de la nuna jaro, ni esperas pli viglan intereson ĉe la publiko.

Aliaj kluboj troviĝas tra la lando — ĉe Hamilton, Palmerston North, Wanganui kaj aliaj lokoj en la Norda Insulo, kaj ĉe Christchurch en la Suda Insulo. Krom tio, troviĝas multe da grupetoj kaj izolaj samideanoj de la plej nordaj ĝis la plej sudaj lokoj. Ĉe Makarau, en la Norda Insulo, la infanoj de tiea malgranda lernejo lernas Esperanton kiel nedevigan lerntemon, kiel ankaŭ ĉe Omana, iom pli norde. Mi povas persone atesti pri la sukceso de la instruado ĉe Makarau.

Lastatempe tre granda sukceso por la movado estas tio, ke la Perkoresponda Fako de la ŝata Eduka Sistemo (tiu fako prizorgas per korespondado la edukadon de proksimume 5,000 izolaj geinfanoj kiuj ne povas ĉeesti ŝtatajn lernejojn) starigis Esperantan Klubon inter siaj membroj. Ju pli tiu Klubo sukcesos kaj kreskos, des pli nia lingvo trovos favoron ĉe la Eduka Departamento.

Jam en 1947-a ni havas 41 delegitojn de I.E.L. kaj sufiĉe da membroj. Ĉie oni aprobas la proponitan unuiĝon de I. E. L. kaj U. E. A., ĉar oni sentas, ke nia afero ne estas sufiĉe forta por subteni du organizaĵojn; ke ĉe ni la unueco estas nepre deviga, kaj pli gravas ol kelke da pensdiferencoj.

Nia 12-a kongreso, supremenciita estas sukcesoplena kaj feliĉiga afero. Tiu estas nia unua post 1941-a, kaj por multaj novaj esperantistoj la unua dum la vivo.

Bedaŭrinde, en nia lando nuntempe tute mankas Esperanta gazeto, krom la anglalingva Bulteno de N.Z.E.A. Nia multobligita Interna Ideo mortis dum la milito.

Cetere, ni supozas ke nia samideanaro similas al ĉiuj aliaj samideanaroj tra la mondo: ni havas niajn klerulojn kaj malklerulojn, niajn spertulojn kaj senspertulojn, niajn entuziasmulojn kiel ankaŭ tiujn, kiuj diras „Bonan vesperon“ kaj „Ĝis la revido“, sed inter tiuj du frazoj parolas ĉiam angle. Ni kotizas al la kluboj, al la N.Z.E.A., al la Brit. E.A., al I.E.L., kaj (mi supozas) al U.E.A.; kaj ni abonas al *Esperanto Internacia, The British Esperantist, Heroldo de Esperanto,* kaj ni abonas al *Internacia Kulturo.* Krom tiuj, ni ricevas multajn ekzemplerojn de aliaj gazetoj de niaj korespondantoj, kiuj estas en tre granda nombro. Verdire, ne ĉiam ni povas pritrakti ĉiujn korespondpetojn.

Kiel popolo ni suferas pro interrompo de la elektra povo (je kiu preskaŭ ĉiuj dependas, eĉ en la provinco, ĉar fluas riveroj ĉie en Nov-Zelando; la interrompo de la elektro estas kaŭzata de la grava pluvomanko en nia lando), daŭra nesufiĉo kaj alporciigo de varoj, altaj prezoj por vestaĵoj, nesufiĉa ŝiptrafiko, kaj tre severa domomanko. Ĉe ni okazas multaj strikoj. Kaj kvankam nia lando mem ne suferis dum la milito, ni tamen perdis multajn amatojn, kaj sopiras al fidinda kaj daŭra paco.

Al la legantoj de *Internacia Kulturo,* korajn salutojn de

*Brendon Klark*
(Ĉef-delegito de I.E.L. en Nov-Zeland.)



En la mezo de la bulgara ĉefurbo Sofio elŝprucas sanigaj termalaj akvofontoj. Nia bildo prezentas la centralan banejon de Sofio, konstruitan sur la loko de la fontoj mem

*Postmilitaj problemoj:*

## LA JUNULARO EN NEDERLANDO

Unu el la plej gravaj postmilitaj problemoj estas sendube la problemo pri la postmilita gejunularo kiu, plejparte ne ankoraŭ sukcesis regajni sian firmtenon.

La grandaj centroj en Nederlando spertas ĉiumaniere la neantaŭe kalkuleblan reflekton de duone pereinta junularo. La reganta burokratismo tute ne povis helpi al la gejunularo. Aliflanke la privata iniciativo ne povis esti sufiĉa. Kompare al la jaroj antaŭ la mondmilito la kriminaleco inter la gejunularo nederlanda en la periodo 1942—1943 plialtiĝis ĝis 300%!

En Marto 1947 ne malpli ol 50,000 infanoj estis sub la kontrolo de la Speciala Junularzorga Edukadkomitato. El tiuj, 19,000 estas senditaj post civila aŭ punleĝa verdikto al institucioj por edukado, al punlaborejoj, al la domoj de adoptintaj gepatroj. 6,000 infanoj estis metitaj sub kontrolo de zorgantoj; 4,000 estis infanoj de enkarceritaj gepatroj; 4,500 apartenas al la grupo de politikaj malbonfaristoj; 3,000 estis judoj, kies gepatroj estis gazmurditaj en la germanaj kampoj; 2,000 estis militviktimoj; 1000 elmigris el Hindujo, finfine 12,000 infanoj apartenas al la institucioj por malriĉuloj. Kaj tiuj 50,000 konsistigas nur malgrandan parton el tiuj, al kiuj oni devus helpi. Tiuj ciferoj, danĝeraj sed realaj, estas havigitaj de D. Mulock Houwen, direktoro de la finfine kreita nacia oficejo por infanprotekto. Nederlando havas ĉirkaŭ 400 societojn kiuj okupas sin pri infanprotekto. Ducent institucioj, lernejoj por speciala instruado k.t.p. akceptas infanojn kiuj bezonas korektadon aŭ forigon el ne konvena medio. Ofte okazas ke instruistoj kaj gvidantoj, kiuj sin donas tute al la reedukado de la geknaboj, gajnas tro malmulte por povi vivi. Antaŭ nelonge kelkaj el tiuj infandomoj estis fermitaj kiam oni konstatis, ke ili estis kontrolitaj respektive de psikopatulo, de needziniĝinta patrino kaj de seksekontraŭnaturulo. Kiom da tielaj domoj vere ekzistas, oni eĉ ne proksimume povus taksi, sed ilia nombro estas legio. Intertempe la progresemuloj, ĉiuj kiuj interesas sin nur iomete pri tiu ĉi junularproblemo, fonto de la estonteco de la lando, laboras daŭre kaj konstante kaj klopodos senhezite ĝis la venko.

*V. Latte*, Haarlem

*Internacia solidareco:*

# Ni rekonstruas nian landon

**La Centra Komitato de la Asocio de Metalfabrikaj Laboristoj en Pollando skribas al siaj bulgaraj kamaradoj de boltfabriko en Plovdiv.**

Katovice, 23. 4. 1947.

*Karaj samideanoj,*

Ni ricevis vian leteron. Ni ĝojas, ke via laboro estas sukcesplena, ke vi ricevis la honorstandardon de la sindikata societo en Plovdiv kaj ke vi havas la volon eklabori por ricevi ankaŭ la tutlandan standardon. Ni bondeziras al vi el la tuta koro: ricevu ĝin!

Ni ankaŭ laboras. Ni denove rekonstruas niajn urbojn, vilaĝojn kaj fabrikojn. Ni metalistoj estas organizitaj en la Centra Profesia Societo de la metallaboristoj. Ĝi jam havas 282,000 membrojn. Nia ĉefa sidejo estas en Katovice.

Nia malnova historia Okcidenta regiono nun denove apartenas al ni. Ne eĉ unu germano estas sur tiu ĉi teritorio. Niaj okcidentaj limoj sur riveroj Odra kaj Nisa restos eternaj. Nia nova trijara ekonomia plano, kiun la pola laboristaro efektivigas, rezultigos plibonigon de nia materiala situacio kaj rekonstruos nian patrolandon. Per la komuna laboro de ni ĉiuj la plano fariĝos realaĵo.

Ni venkas niajn enlandajn faŝistojn kaj ni laboras por la konfirmo de la demokratio. Ni deziras nun la pacon — la tutmondan pacon, kiun ni deziras ankaŭ al vi.

Al via bulgara kongreso veturos niaj kamaradoj — prezidanto Kieszcynski Jozef kaj ĝenerala sekretario Pilat Jozef. Ni salutas vin kaj deziras al vi multan feliĉon. Skribu al ni!

Prezidanto: *J. Kieszcynki*, vicprezdanto: *R. Zuchovicz*, ĝenerala Seretario: *J. Pilat*.

# Rumana-hungara amikeco

En Budapest okazis inter 1—7 Majo Rumana-Hungara Kultursemajno por pliproksimigi la iam malamike starantajn du popolojn, ekkoni la trezorojn de ambaŭ kaj krei pacan kulturlaboron, poste ankaŭ ekonomian kaj politikan.

Okazis kunsidoj, prelegoj, koncertoj, inaŭguro de junularhejmo komuna por la du landoj, teatraj prezentadoj de rumanaj aktoroj, kaj oni vere amike, varme akceptis la rumanajn gastojn, la politikistojn, gvidantojn kaj la plej famajn rumanajn verkistojn kaj artistojn.

Rumana ministroprezidanto Petro Groza mem vizitis la hungaran ĉefurbon kaj esprimis la neceson de la reciproka interkompreniĝo de la popoloj — kion la esperantistoj jam de longa tempo deziras per sia lingvo. Domaĝe la lingvaj baroj ofte staras inter ni kaj ne ĉiuj scias ambaŭ lingvojn, kiel mem la tre simpatia ministroprezidanto rumana. Li diris al la 75 jara ĵurnalo de la hungara Socialdemokrata Partio, al Népszava („Voĉo de l'Popolo") interalie jenon:

„Mi ĝoje vidas la malnovajn kunbatalantojn kaj trankviligas min la firmeco de la laborista fronto kaj la konstruo de ĝia unueco sur politika kaj labora kampo. Tio estas la ĉefa garantio, ke ni fine vidos pli bonan mondon. Tio ne nur certigas la internan situacion sed ĝi ankaŭ kreas la kondiĉojn, ke la najbarpopoloj renkontiĝe trovu unu la alian kaj ĝi ne nur donas fundamenton al la fina interpaciĝo de la du popoloj, sed donas pli intensan kunlaboron en intereso de pli bona kaj pli paca komuna estonteco.

Ĉu por tiu kunlaboro ne estus bonega helpilo la lingvo facile lernebla Esperanto?

Sciigante tiujn-ĉi vortojn en sia raporto la hungaraj esperantistoj volas ankaŭ kontribui al la interamikiĝo de la popoloj en la Danuba valo. *P. Balkanyi*, Budapest

## SEMAJNO DE ĈEĤOSLOVAKA FRATECO

Dum la semajno de 27-a de aprilo ĝis 4-a de majo 1947 okazis sur la monto Bradlo apud la vilaĝo Brezová pod Bradlom grandaj festoj simbolantaj la amon kaj fratecon inter la nacioj de Slovakoj kaj Ĉeĥoj. Sur la slovaka monto Bradlo staras granda memormonumento — tombo de la unua ĉeĥoslovaka ministro de nacia defendo, de generalo Milan Rastislav Štefanik. Li estis Slovako, granda scienculo, diplomato kaj militisto

Al lia tombo plimultiĝis dum la lastaj tagoj de la dua mondmilto pluaj kaj ne malmultaj tomboj de la ĉeĥoslovakaj partizanoj. La semajnfesto de la ĉeĥoslovaka frateco finiĝis sur Bradlo apud Brezová pod Bradlom la 4-an de majo per tutlanda pilgrima festo.

# TRI GRAVAJ REZOLUCIOJ

**LA KONDIĈOJ NECESAJ POR KE ESTU KREATA UNU VERE UNUECA, GRANDA, DEMOKRATA INTERNACIA ESPERANTO-ORGANIZAĴO. LA NOVA INTERNACIA ORGANIZAĴO NE DEVAS ESTI NEŬTRALA RILATE AL LA FAŜISMO, KIU ESTAS INTERNACIA KRIMO**

## KION DECIDIS LA II INTERBALKANA KONFERENCO

R E Z O L U C I O

de la Dua Balkana Esperanto-Konferenco, okazinta en Varazdin (Jugoslavio) la 8-9 de Junio 1947.

La rajtigitaj reprezentantoj de Bulgara Esperanto-Asocio, Rumana Esperanto-Societo kaj Jugoslavia Esperanto-Federacio, kiel ankaŭ la sendito de la hungara esperantistaro, kolektiĝintaj je Dua Balkana Esperanto-Konferenco, post detala pridiskuto de la aktualaj problemoj:

1. Konstatas, ke la ĝisnuna kunlaborado de la Balkanlandaj Esperanto-organizaĵoj donis pozitivajn rezultojn por la pliproksimigo de la esperantistaro sur Balkano kaj, per Esperanto, de la respektivaj popoloj. Tial la balkanlandaj Esperanto-organizaĵoj daŭrigos, plilarĝigos kaj pliprofundigos la intiman kunlaboradon en la Balkana Kontakta Komitato (BoKoKo), kies novaj membroj estas:

Por Bulgario: Ivan Esperov, Assen Grigorov, Ŝterju Kukuŝev.

Por Jugoslavio: D-ro I. Lapenna, D-ro V. Jovanoviĉ, Kozlevĉar Joze

Por Rumanio: Zal Simeon, Petrin Jozef, Jon Bunescu.

La BoKoKo estas komisiita akcepti kiel samrajtan membron Hungaran Esperanto-Asocion, kiam ĝi oficiale prezentos proponon pri aliĝo.

La BoKoKo plenumos sian taskon per: a) plua publikigado de la komuna revuo „Internacia Kulturo"; b) eldonado de famaj verkoj de balkanlandaj aŭtoroj en Esperanto; c) amasa kolektiva kaj individua korespondado inter la esperantistoj kaj, per Esperanto, inter diversaj fabrikoj, entreprenoj, oficejoj, sindikatoj, kooperativoj, kulturklerigaj societoj junularaj asocioj ktp. de la balkanaj landoj; d) okazigo de Balkanaj Esperanto-Konferencoj; e) radio-disaŭdigoj en Esperanto; f) turisma propagando kaj organizado de amasaj ekskursoj.

2. Salutas la demokratan politikon, kondukantan al plifirmiĝo de la amikaj rilatoj inter la najbaraj landoj, kaj ebligantan ankaŭ la plej viglan kunlaboradon de la respektivaj Esp.-organizaĵoj; kun ĝojo registras, ke siavice la Balkanlanda esperantistaro pere de la Internacia Lingvo kontribuas al fortikiĝo de tiaj amikaj rilatoj; esperas ke tia laboro de la balkanlandaj Esp.-organizaĵoj havos apogon de la respektivaj registaroj.

3. Esprimas ankoraŭfoje la deziron de la balkanlanda esperantistaro pri kreo de unu vere unueca, granda, demokrata, internacia Esperanto-organizaĵo, sed kun bedaŭro konstatas, ke la proponita Statuto pri la nova asocio (estintaj IEL kaj UEA) ne kontentigas tiujn fundamentajn postulojn. Tial la Konferenco rekomendas al ĉiuj landaj asocioj ne akcepti la Statuton, sed energie postuli, ke libere, malkaŝe kaj demokrate oni priparolu la tutan demandon dum la 32. Universala Kongreso de Esperanto en Bern por trovi konvenan solvon.

4. Konsideras la „elektojn" de la k-anoj B) absolute nedemokrataj kaj

a) konsilas al ĉiuj delegitoj de IEL kaj UEA rezigni pri voĉdono;

b) petas la delegitojn, kiuj pro neinformiteco jam voĉdonis, retiri sian voĉon protestante kontraŭ la aplikitaj nedemokrataj metodoj.

5. Deklaras, ke la nova internacia organizaĵo devus esti neŭtrala rilate al raso, nacieco, religio, lingvo, sekso, socia deveno kaj politikaj partioj, sed ne rilate al faŝismo kiel internacia krimo.

6. Kondamnas la fakton, ke en kelkaj Esperanto-gazetoj ĉiam ankoraŭ aperas de tempo al tempo artikoloj, false prezentantaj la veran staton sur Balkano kaj apelacias al la konscienco de la redaktoroj esti pli atentaj kaj objektivaj por eviti estontece tiajn gravajn erarojn.

7. Bedaŭras, ke la greka esperantistaro pro la konataj cirkonstancoj ne povas ĝis nun aliĝi al BoKoKo, sed esperas ke baldaŭ tio ebliĝos.

Prezidanto de la Konferenco: *D-ro Ivo Lapenna*, Zagreb

Reprezentantoj de 1) Bulgara Esperanto-Asocio: Ivan Dimitrov Keremidĉiev, Georgi Nikolov Dolapĉiev, Georgi Stojanov Geŝev, Simeon Hesapĉiev, Ŝterju Zafirov Kukuŝev, Vasil Ĉoĉov, Sneĵana Makedonska.

2) Rumana Esperanto-Societo: Simeon Zal, Jon Bunea, St. Freamat, G. Harabagiu-Nuhamovici.

3) Jugoslavia Esperanto-Federacio: D-ro Vuk Jovanoviĉ, Nada Gropuzzo, Joze Kozlevĉar, Mehmed Jakupoviĉ.

4) Sendito de la hungara esperantistaro: Bleier.

## POR DEMOKRATAJ ELEKTOJ

La kunveno de individuaj IEL-membroj en Jugoslavio, okazinta la 8-an de Junio 1947 matene en Varazdin, ĉiuvoĉe akceptis jenan

R E Z O L U C I O N

1. La individuaj IEL-membroj el Jugoslavio kun ĝojo akceptas la ideon, ke en la komitato de la nova tutmonda esperantista organizaĵo estu reprezentitaj ankaŭ la individuaj membroj, tiel ke je ĉiuj 250 delegitoj estu elektita unu komitatano B) laŭ internacia skalo. La kunveno konsentas, ke la elektorajton havu nur la delegitoj.

2. Konsiderante la fakton, ke la elektoj devus okazi laŭ internacia skalo, la kunveno opinias, ke la kandidatojn devus proponi ĉiuj landaj asocioj aliĝintaj al IEL. La nomoj de la kandidatoj devus esti ĝustatempe komunikitaj al la ĝenerala sekretario kaj apenaŭ post tio oni povus organizi la elektojn. Tio ĉi estas la sola demokrata vojo.

3. La kunveno konstatas, ke la ĝenerala sekretario de IEL, ne konsultinte antaŭ tio la landajn asociojn nek la komitaton de IEL, laŭ sia bontrovo proponis nur 8 kandidatojn, el kiuj 5 nepre devus esti elektitaj. Tio signifas ke oni tute ne povas paroli pri demokrataj elektoj, sed ke ĉi tie fakte temas en granda mezuro pri nomigo de komitatanoj B) fare de la ĝenerala sekretario.

4. Restante fidelaj al la demokrataj principoj sur kiuj baziĝas IEL, la kunveno protestas kontraŭ la aplikita metodo kaj

D E C I D A S:

a) Konsili al ĉiuj delegitoj en Jugoslavio rifuzi la voĉdonon.

b) Peti la komitaton respektive la estraron de IEL, ke oni okazigu novajn elektojn, postulante antaŭ tio de la landaj asocioj, ke ili proponu po unu aŭ du kandidatojn el ĉiu lando aliĝinta al IEL, por ke vere esprimiĝu la internacieco de komitatanoj B) kaj la demokrateco de nia organizaĵo.

c) Publikigi tiun ĉi rezolucion en la Esperanto-gazetaro.

Varazdin la 8-an de Junio 1947.

Prezidanto de la Kunveno
Ĉefdelegito *Kasoviĉ Ernest*

Sekvas la ceteraj subskriboj.

## ĈEFKUNVENO DE JUGOSLAVIA ESPERANTO-FEDERACIO

La unua jara ĉefkunveno de Jugoslavia Esperanto-Federacio, okazinta la 8-an de Junio 1947 en Varazdin, kiel supera organo de la Esperanto-movado en Jugoslavio, post detala pridiskuto de la problemo pri kunfandiĝo inter IEL kaj UEA, ĉiuvoĉe akceptis jenan

R E Z O L U C I O N

1. La jugoslavia esperantistaro varme deziras plenan unuecon de la esperantistoj en internacia kadro, estante profunde konvinkita, ke la unueco estas antaŭkondiĉo por eluzi la nunajn favorajn cirkonstancojn kaj por doni fortan antaŭenpuŝon al la Esperanto-movado. Tial la jugoslavia esperantistaro kun fervoro apogas la ideon pri la kreo de unu nova, sur demokrataj principoj bazita, tutmonda unueca esperantista organizaĵo.

2. La ĉefkunveno kun bedaŭro konstatas, ke la traktadoj pri kunfandiĝo inter IEL kaj UEA estis gvidataj tre mistere kaj kaŝe, tiel ke la larĝaj esperantistaj tavoloj ne estas sufiĉe informitaj pri la tuta afero, dum aliflanke la manko de libera diskuto malhelpis la kristaliĝon de ideoj, deziroj kaj diversaj starpunktoj. Sekve de tio la proponita Statuto de la nova organizaĵo havas pli multe karakteron de kompromiso inter certaj malgrandaj partioj, ol ĝi esprimas la verajn interesojn de la Esperanto-movado.

3. La ĉefkunveno konstatas, ke ankaŭ el formale-jura vidpunkto la Statuto estas tre mankohava, ĉar multajn demandojn (ekzemple la elekton de redaktoro, la rajton de la komitato precipe koncerne la oficeojn en Genéve ktp.) ĝi lasas netuŝitaj aŭ ili estas tre nebule formultaj.

4. El vidpunkto de unueco la Statuto estas tre malbona, ĉar laŭ ĝi oni fakte denove havus du organizaĵojn, el kiuj unu sidus en Genéve kaj la alia en Anglio. Sekve, la organiza unueco ne estus atingita.

5. El ideologia vidpunkto la Statuto estas malbona, ĉar ĝi ne sufiĉe akcentas la demokratecon de la Esperanto-movado kaj ĝian negativan rilaton al faŝismo kiel internacia krimo, kiu samtempe estis kaj estas la plej granda malamiko de internacia amikeco, de internacia solidareco, de internacia lingvo.

Konsiderante do, ke el formala kaj enhava vidpunktoj la Statuto ne estas sufiĉe demokrata kaj ke ĝi ne respegulas la interesojn de la Esperanto-movado, la ĉefkunveno de Jugoslavia Esperanto-Federacio

D E C I D A S:

a) Plene aprobi la ĝisnunan agadon de la komitato de JEF en tiu ĉi afero kaj aparte la leteron de la 29. V. 1947, en kiu ĝi klarigis al IEL la kaŭzojn, pro kiuj Jgoslavia Esperanto-Federacio voĉdonis nee pri la proponita Statuto.

b) Peti la komitaton, respektive la estraron de IEL, starigi la problemon pri kunfandiĝo ankoraŭfoje je tagordo dum la Berna kongreso por trovi eblecon krei unu vere unuecan, demokratan internacian Esperanto-organizaĵon, en kiu la libere kaj demokrate elektotaj komitato resp. estraro havos fakte la gvidajn poziciojn.

c) Postuli de la jugoslaviaj komitatanoj de IEL insiste daŭrigi la batalon por plua demokratiĝo de la internacia organizaĵo surbaze de la ideoj esprimitaj en la artikoloj Neŭtraleco kaj „Neŭtraleco", Al Plena Unueco aperintaj en revuoj „Internacia Kulturo" kaj „Esperanto Internacia", ĉar tiuj artikoloj respegulas la opinion de la jugoslavia esperantistaro.

d) Publikigi tiun-ĉi rezolucion en la Esperanto-gazetaro.

Varazdin, la 8. VI. 1947.

Prezidanto: *D-ro Ivo Lapenna*
Sekretario: *Nada Gropuzzo*

## Nia bonhumoro

### *Pri Einstein*

La mondfama Einstein ne havas paciencon por skribi leterojn. Okaze de la naskiĝo de sia fileto kaj volinte sciigi la novaĵon al sia najbaro li deklaris jene: unu kaj du faras tri.

### *Pri Rothschild*

La maljuna baronino Rothschild kuŝis mortonta en lito. La kuracisto volis konsoli ŝin kaj diris: Sinjorino, mi ja ne povas plijunigi vin! — sed la baronino respondis: mi ne volas plijuniĝi. Mi volas maljuniĝi!

### *Li faras miraklojn*

Vojaĝanto vidis en hotelĉambro multajn homojn dormantajn en la sama lito kun palegaj vizaĝoj. Je la demando de la vojaĝanto kial ili paliĝis tiel, ili kune respondis, ke iliaj piedoj miksiĝis kaj do ili ne povas trovi la proprajn piedojn, timante, ke se ili elirus el la lito unu prenos la piedojn de la aliulo. La vojaĝanto prenis bastonon kaj ellitigis ĉiujn per bastonfrapoj. La ellitigintoj nomis lin miraklofaranto ĉar li montris al ĉiuj la proprajn piedojn.

### *Li havas jam okupiĝon*

Nova enmigrinto en Argentino ne havis metion kaj ne povis gajni sian panon. Unu tagon li ekiris de loĝejo en loĝejon vendante rimedon kontraŭ cimoj. La rimedo konsistis el ordinara sablo metita en ordinarajn saketojn el papero. Kiam li estis vendinta jam la tutan „varon" kaj volis reveni kun alia varo subite lin renkontis unu sinjorino kiu estis aĉetinta ĉe li la „rimedon" kaj demandis pri la maniero kiel mortigi la cimojn. Je kio la enmigrinto-vendisto: Sinjorino! Simplege. Kaptu la cimon, malfermu ĝian buŝeton, enmetu en ĝin sableron kaj ĝi mortos!

*Jean Rozenblum,* Grenoble

*Mozaiko*

## MALLONGAJ SCIENCAJ INFORMOJ

— D-ro Vaksman en Usono eltrovis novan antibiotinaĵon nomitan „Streptomicine" Ĝi similas al la penicilino, sed estas pli efika ol ĝi.

— En Ameriko oni konstruis televizian radioaparaton (ricevilon), kiu utiligas ekranon malgrandan kiel poŝtkarto. Ĝi kostas cent dolarojn.

— La Nobelpremio pri medicino por 1945 estas aljuĝita al Fleming, eltrovinto de la penicilino, al Floray kaj Chane, kiuj faris el ĝi medikamenton.

— En Usono oni trovis rimedon por kuracadi la leprulojn. El 137 pacientoj nur du ne povis resaniĝi.

— La vivantaj ŝarkoj evitas la mortajn, kiuj disvastigas specifan malagrablan odoron, pro la putrado. La kemiistoj sukcesis prepari materion kun la sama odoro. Oni fiksas ĝin sur la savkostumoj kaj -zonoj por forigado de la ŝarkoj.

—La nova vojaĝaviadilo cirkulanta inter New York kaj London havas lokojn por 204 vojaĝantoj. La veturado daŭras 9 horojn kaj la meza rapideco estas 600 kilometroj pohore.

— Plej malpeza metalo estas la litiumo. Ĝi pezas 5 fojojn malpli ol la aluminio. Ekzistas tre vastaj perspektivoj koncerne ĝian aplikon en la tekniko por produktado de diversaj alojoj.

— En nia tempo estas registritaj 179 tutmondaj rekordoj. Unuan lokon laŭ rekordoj havas la Sovjet-Unio.

— En Oslo (Norvegio) la plimulto de la domoj uzas la elektron por la hejtado. La aliaj rimedoj de hejtado estas tre maloftaj. Kaŭzo de tio ĉi estas la granda nombro de hidro-elektraj centraloj kaj sekve la tre malalta prezo de la elektra energio.

— Sur la supro de unu ankoraŭ nefinita 23-etaĝa konstruaĵo oni trovis neston de falkoj. La falkoj nutriĝis per kolomboj. Laŭ la trovitaj restaĵoj oni konstatis, ke tiuj ĉi falkoj neniigas ĉiujare 700 ĝis 1000 kolombojn.

# LA CENTRA KOMITATO DE BULGARA ESP.-ASOCIO SALUTIS LA KONFERENCON EN VARAZDIN PER RADIO SOFIA

**Okaze de la Dua Balkanlanda Esperanto-Konferenco, kiu kunsidis en la komenco de Junio 1947 en Varaĵdin (Jugoslavio), nia redaktoro Assen Grigorov direktis en la nomo de CK de Bulgara Esperanto-Asocio salutparoladon, el kiu ĉi tie ni citas la plej gravajn partojn.**

La konferenco en Varaĵdin estas ĝenerala revuo de la agado, kiu komenciĝis ek de la pasintjara konferenco en Assenovgrad, la urbo, kie estis formita la Balkana Kontakta Komitato. La ĵus pasinta unua periodo de nia kunlaborado grave fortikigis nian reciprokan amikecon.

La frata jugoslava popolo batalis heroe kontraŭ la faŝista konkeranto, doninte sennombrajn karajn viktimojn, kaj la jugoslava Esperanto-movado perdis siajn plej kuraĝajn kaj aktivajn pionirojn en tiu ĉi batalo. Tuj post la liberiĝo, la jugoslava esperantistaro estis streĉe okupata ĉe la rekonstruado de la ruinigita patrolando. Tial la jugoslavaj samideanoj nur lastatempe sukcesis rekolekti siajn fortojn, sin organizi kaj aktive eklabori por nia afero.

La jugoslava movado devas havi laŭrajte en nia balkana familio la lokon de plej aĝa kaj plej saĝa frato. Tiun ĉi unuan lokon niaj jugoslavaj gefratoj mem elmeritis dum la ĵus pasinta jaro. La ideologiaj problemoj, la problemoj pri demokrateco en nia movado, pri aktiva batalo kontraŭ la enlanda kaj internacia reakcio kaj faŝismo, tiuj problemoj estis plej trafe solvitaj de niaj jugoslavaj samideanoj, kiuj plej antaŭeniris en sia politika kaj ideologia evoluo. La starpunktoj de la estimata prezidanto de la Jugoslavia Espernto-Ligo, d-ro Lapenna, trovis viglan reehon kaj senrezervan aprobon ĉe la demokrate pensantaj samideanoj en la tuta mondo.

Mi speciale volas montri la aktivecon de la rumanaj samideanoj, kiuj, lerte gvidataj de sia centra estraro, atingis rimarkindajn sukcesojn tiel en la kultura kampo, kiel ankaŭ en la kampo de la organiza vivo. Espereple la ĵus fondita de ili kaj leĝe konfirmita Rumana Esperanto-Asocio estos unu el la plej gravaj ŝtonoj en la konstruaĵo de nia estonta Balkana Esperanto-Federacio. La konferenco en Varĵdin verŝajne donos novan pli fortan impulson al la movado en Rumanio, akcentante paralele kun la propagando de nia ideo pri interbalkana kaj internacia demokrata solidareco kaj paco, ankaŭ la praktikan aplikadon de nia lingvo en la ĉiutagaj interrilatoj kulturaj, ekonomiaj, ideaj politikaj kaj socialaj.

Grava tasko por la antaŭstaranta jaro estas helpi starigi movadon ankaŭ en la plej juna demokrata respubliko en la Balkana duoninsulo — en nia suda najbaro Albanio.

Kun plej granda bedaŭro ni devas noti la foreston de la bravaj grekaj samideanoj en nia rondo familia. Ni bone konas la kaŭzojn malhelpantajn al niaj kuraĝaj grekaj gefratoj partopreni nian komunan kulturan vivon. El la letero de la sekretariino de Esperanto-Ligo en Saloniko—samideanino Marika Dragonas, kruele torturita kaj ĵetita en la malliberejon de la grekaj monarko-faŝistoj, kaj el aliaj fontoj ni ekscias, ke la grekaj esperantistoj, indaj filoj de sia glorplena demokrata nacio, partoprenas ties heroan batalon por libereco kaj homrajtoj kaj pro tio estas malhelpataj partopreni la konferencon. Ni esperu, ke en ne malproksima estonteco ankaŭ la brava greka samideanaro povos libere kaj senobstakle partopreni nian kunlaboradon.

Revuante kritike la tutan pasintjaran agadon, rigardante la iritan vojon, ni nepre devas starigi al ni la demandon:

— Ĉu ni ĉiuj estis tiel aktivaj, kiel ni devus esti por servi per Esperanto al niaj popoloj?

— Ĉu ni, la aktivuloj en nia movado, estis tiel bonaj, paciencaj kaj utilaj gvidantoj por niaj malpli fortaj kaj malpli aktivaj samideanoj ĉe la praktika konstruado kaj vastigo de la internacia solidareco?

— Ĉu ni estis tiel iniciatemaj kiel la paperfabrika laboristo de Gara Iskar — Jordan Stefanov, kiu per nia lingvo korespondas kun angla deputito John Mack kaj kun aliaj?

— Ĉu ni estis tiel organizemaj, kiel nia k-do Georgi Avgarski, kiu organizas nun en landa skalo la interkontaktiĝon de bulgaraj infanorganizaĵoj kun sovjetaj, nederlandaj, ĉeĥoslovakaj, novzelandaj kaj aliaj infanoj?

— Ĉu ne troviĝas multaj, ja multegaj inter ni, kiuj skribis ne eĉ unu leteron alilanden, por klarigi la veran staton de la aferoj en nia libera popola respubliko Bulgario?

Nia respondo devas esti rekta kaj sincera: Ne, ni ne estis sufiĉe iniciatemaj, organizemaj kaj sindonaj, ni ne estis sufiĉe aktivaj pioniroj de nia movado!

En la ordo de la memkritiko ni devas konfesi, ke dum tiu ĉi jaro la Kontakta Komitato, elektita dum la unua Interbalkana Konferenco Esperantista ne sukcesis organizi viglan kunlaboradon de la balkanlandaj asocioj kaj individuaj esperantistoj, precipe pro la troa okupateco de niaj gvidantoj.

Ni tamen esperu, ke dum la sekvanta periodo troviĝos la necesaj personoj, kiuj efektivigos la decidojn de la konferenco en Varaĵdin.

La tasko de la taskoj, nia plej granda devo de demokratoj, patriotoj kaj civitanoj de niaj liberaj popolrespublikoj estas kaj restas: daŭrigi ĉiam pli aktive kaj entuziasmoplene la senlacan laboradon en la rekonstruado kaj plua plana starigo de niaj naciaj vivoj—ekonomia, kultura, politika, sociala. Nur kune kun niaj popoloj, estante nedisigebla parto de ili kaj vigle kunmarŝante la grandiozan antaŭenmarŝon de niaj junaj nacioj al bonstato, progreso, kulturo kaj feliĉa vivo, ni plenumus ankaŭ nian sanktan devon al niaj patrolandoj. En tiu ĉi konstruado kaj en tiu ĉi antaŭenmarŝo ni havos la specialan dankindan taskon, utiligante niajn multnombrajn ligojn kun reprezentantoj alinaciaj, kaj precipe kun samideanoj kaj organizaĵoj el Britlando, Ameriko, Francio kaj k. a.— konigi al ili la sukcesojn kaj akiraĵojn de niaj liberaj patrolandoj, diri al ili kiel demokrata estas ekzemple la projekto de la nova konstitucio, kiu nun estas diskutata en la bulgara parlamento, informi ilin detale kaj konkrete pri la mastrumaj planoj kaj fari ĉion alian en tiu ĉi direkto.

Per tiu ĉi utila, senbrua kaj rezultodona laboro ni ne nur plej bone plenumus nian patriotan devon kaj nian devon de demokrataj esperantistoj, sed, irante laŭ tiu ĉi vojo, ni akirus la rekonon kaj la moralan subtenon de la publikaj opinioj kaj la apogon de la registaroj en niaj landoj, ni akirus la konvenan aŭtoritaton kaj garantios al ni la lokon, kiun ni meritas. Per tiu ĉi laboro ni farus ankaŭ la plej bonan propagandon pri nia lingvo kaj pri nia afero.

---

***Samideanoj, pagu vian abonon al „Internacia Kulturo" kaj al „Bulgara Esperantisto"!***

№ 10, JUNIO 1947 DUA JARO

# INTERNACIA KULTURO

• KULTURA REVUO DE BALKANLANDAJ ESPERANTO-ASOCIOJ •

A B O N O: por 16 n-roj — 500 L E V O J

Redakta komitato: Ĉefredaktoro: ASSEN GRIGOROV

BULGARIO: Nikola Aleksiev, prof. Petr Dinekov, prof. d-ro Stojan Ĝuĝev, Simeon Hesapĉiev, Vitali Julzari, Ivan Sarafov.

JUGOSLAVIO: Marko Demetroviĉ, Joje Kozlevĉar, d-ro Ivo Lapen

RUMANIO: Jon Bunesku, Petre Firu, St. Freamat, K. Pelima Josif Petrin, inĝ. E. Rodan, Simeon Zal.

Adreso: str. ALABIN 33—III ETAĜO, ĈAMBRO 318, Sofia—BULGARIO

# ZIGZAGE TRA LA LETEROJ

### *Helmi Dresen murdita de la germanaj barbaroj*

Post longa silentado, ni komencis ricevi leterojn el USSR. Inter ili precipe nin ĝojigis la letero de nia kore kara malnova pioniro kaj poeto Hilda Dresen, el Tallin.

En sia letero ŝi esprimas al nia redaktoro sian grandegan ĝojon pri la ricevo de „Internacia Kulturo". Kun plezuro ŝi legas en ĝi pri la sukcesoj de Esperanto en diversaj landoj kaj ĉiufoje trovante nomoin de konataj esperantistoj ŝi elkore ĝojas.

Plue ŝi skribas:

„Mia fratino Helmi Dresen, kiun vi bone konis, malfeliĉe perdis sian vivon dum la germana okupacio. Por nia Esperanto-movado tio estas granda perdo. Ŝi estis arestita la 23-an de Septembro 1941 kaj la 25-an de Sept. 1941 jam plu ne estis inter la vivantoj. Ni kompreneble eksciis pri tio multe pli poste. Mi ĝis nun ne povas rekonsciiĝi de tiu ĉi sortobato".

La redakcio de „Internacia Kulturo" esprimas sian profundan kondolencon al la funebranta fratino. Ni opinias, ke la plej inda maniero honori la memoron de nia neforgesebla Helmi Dresen estas: labori diligente obstine kaj sindone sur tiu kampo, sur kiu ŝi laboris; fari ĉion eblan por helpi konstrui en la praktiko la internacian solidarecon inter la demokrataj popoloj, kiel ŝi ĝin faris; esti tiel konsekvencaj demokratoj kaj progresemaj homoj, kiel ŝi estis.

Al ŝia fratino kaj fidela kunulino Hilda ni bondeziras multan kuraĝon kaj fortojn, por ke ŝi povu kun duobla energio anstataŭi la neanstataŭeblan Helmi. En la plej proksima tempo ni atendas de ŝi kaj de la ceteraj estonaj samideanoj verki rememorojn kaj aliajn materialojn, por ke ni povu dediĉi specialan numeron de „Internacia Kulturo" al la memoro de Helmi Dresen.

La Redakcio

### *Britlando:*

Angla korespondanto skribas:

„...Antaŭ la konstruaĵo de la Hispana Ambasado en Londono senintermpe gardostaras anoj de la Brita junular-organizaĵoj. Estas protesto kontraŭ la ĉiamaj mortpafigoj de hispanaj batalantoj por libereco. La junuloj portas tabulojn, sur kiuj i. a. staras:

— Malebligu la mortigon de la hispana junularo!

— La angla junularo postulas intervenon de ni registaro!

La batalo kontraŭ internacia faŝismo ne ankoraŭ finiĝis.

### *USSR:*

Nia redakcio ricevis salutleteron je la nomo de fabrika ĉelo de komencantaj esperantistoj en Moskvo; la ĉelo abonis „Internacian Kulturon". La adreso de la sovjetaj kamaradoj estas: J. Palkin, Mitnaja ul. d. 52-54 kv. 19, Moskvo 162, USSR.

### *Esperanto deviga*

En la popol-lernejo en nia urbeto Esperanto nun estas enkondukita kiel deviga fako. Store-Heddnige estas la unua lernejo, kiu faris tion en nia lando, sed ni esperas, ke aliaj lernejoj sekvos. Mi instruas Esperanton, malgraŭ tio ke mi ankoraŭ estas nova esperantisto. Mi ankaŭ instruas la danan, anglan, germanan kaj francan lingvojn en la lernejo (en la tielnomata mezlernejo).

Ĉar mi interesiĝas pri instruado, muziko kaj socialismo, mi permesas al mi demandi vin, ĉu estas instruistoj, kiuj deziras korespondi kun mi. Mi estas 28-jara kaj instruis dum 5 jaroj.

Hans Dalgaard, Larer (instruisto) Store-Heddnige, Danmark.

---

***GESAMIDEANOJ, tuj pagu la abonkotizon de „Int. Kulturo"! Per tio vi ebligos la pluan eldonadon de via torĉo! Alilandaj samideanoj povas pagi ankaŭ per neuzitaj poŝtmarkoj laŭ nia kurztabelo!***

---

## LA ESPERANTA POŜTMARKO JAM APERIS!

La Bulgara Ŝtato eldonis la poŝtmarkon, dediĉitan al la 60-jara jubileo de Esperanto, al la 30-jara datreveno de la morto de Zamenhof kaj al la 30-jara jubilea kongreso de la bulgara esperantistaro, okazonta en Septembro 1947. La poŝtmarko havas nominalan prezon de 20 plus 10 levoj.

**LA ELDONKVANTO DE LA POŜTMARKO ESTAS LIMIGITA**

BEA akceptas mendojn por la marko: por 1 ekz. — 2 internaciaj respondkuponoj (aŭ egalvaloro), por 2 ekz. — 4 resp. kuponoj, 10 ekz. — 20 int. resp. kuponoj ktp. Al ĉiu mendo oni aldonu por rekomendita afranko de la sendaĵo pliajn 2 respondkuponojn; se oni deziras, ke la rekomendita sendaĵo estu afrankata per la jubilea Esperanto-marko mem, oni aldonu 4 respondkuponojn por ĉiu mendo.

**MENDOJ SEN RESPONDKUPONOJ NE ESTOS KONSIDERATAJ.**

Por ŝpari la sendkostojn faru kolektivajn mendojn.

Ĉion sendu al: INTERNACIA KULTURO, strato ALABIN 33, SOFIA, Bulgari

## LA ESPERANTA POŜTMARKO JAM APERIS!

Esperanto-presejo BEPEGRAF — Opălĉenska 69, Sofio (Bulgario)